No. 1 Septembro 1953 6a jaro

# BULTENO

de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam

## PROTOKOLO PRI LA KUNVENOJ DE FERVOJISTOJ EN ZAGREB, 28 KAJ 29 JULIO 1953

1. La 28-an de julio. Faka kunveno de la okcident-eŭropaj fervojistoj kun malmultaj esperantistaj kolegoj el Jugoslavio.

Ĉeestas ĉirkaŭ 20 kolegoj.
Kolego Walder (Svisio) malfermas la kunsidon je 15.45, esprimante, ke ĝia celo estas amikeca interkonatiĝo de fervojistoj.
Kolego De Jong (Nederl) salutas la ĉeestantojn nome de la estraro de IFEF kaj precipe akcentas, ke dum tiu ĉi kunveno devas esti ekzamenata kial ĝis nun la jugoslavoj mankas en nia rondo internacia fervojista, malgraŭ tio, ke la esperantistaro en Jugoslavio estas multnombra.
Kolego Giessner (Germanio) parolas pri la historio de IFEF kaj pri ties celoj. Li akcentas, ke oni prijuĝu nian laboron ne laŭ la nombro de la kongrespartoprenintoj, sed laŭ tute konkretaj punktoj, ekz.

a) laŭ la evoluo de la rilatoj inter nia movado fervojista kaj niaj administracioj. Progresoj estas konstateblaj, sed tamen ni ne trompu nin mem pri la amplekso de la agnoskoj. Ni bezonas la faklernejojn por la disvastigado de la internacia lingvo. En kelkaj landoj tio jam eblas.
b) laŭ konkretaj sukcesoj kiel la Esperanto-teksto en la germana trajnhoraro, aŭ kiel la progresoj rilate la laboroj por la fervoja terminaro. (kolego Giessner detale parolis pri tio).
c) laŭ la kunlaboro inter ni kaj la ĝenerala movado; rilate la lingvon ni ne estu esperantistaj fervojistoj, sed fervojistaj esperantistoj. Nia celo estu: *Ni apliku en nia profesio la ideon de nia internacia lingvo. Nia vojo estu: Kunlabori kun la lokaj grupoj de la movado.

Fine oni petas la jugoslavajn kolegojn rakonti pri iliaj spertoj, kaj proponas serĉi vojon de estonteca kunlaboro inter la jugoslavaj esperantistoj kaj IFEF.
Kolego Debiĉ (Zagreb) esperas, ke la kongreso helpos, sed ĝis nun oni nenion povas diri pri fondoto grupo. Li proponas denove kunveni kun la sindikatoj. - Akceptita.

2. Fervojista kunveno kun la jugoslavaj sindikatoj la 29-an de julio.

Ĉeestas ĉirkaŭ 30-35 gekolegoj, inter kiuj certa nombro da ne-esperantistoj. Post salutvortoj de la sindikata prezidanto Wittenberg (Zagreb) kolego Debiĉ (Zagreb) prelegas pri fervojaj aferoj jugoslavaj.
Poste estiĝas interesa diskuto. Oni demandas interalie:
De Jong (Nederl): a) Ĉu ekzistas libera tago dums emajne se oni laboris dimanĉe?
b) Ĉu ekzistas punoj?
Giessner (Germ) Kion oni faras en Jugoslavio kontrau la malfruiĝoj?
Respondoj:
Oni laboras en turnuso de 12/24, t.e. 12 horojn de laboro kaj 24 horojn da ripozo. Pro manko je fakuloj ne ekzistas speciala libera tago.
b) Ekzistas similaj punoj kiel ĉe ni, sed ne monpuno.
c) Kaŭzoj de la malfruiĝoj estas ia manko de spertuloj, la malnovaj hungaraj lokomotivoj nebonkvalitaj, uzataj precipe en kroatio (lokomotivdifektoj), la nesufiĉe bona kvalito de la karbo (nur malmultaj trakoj estas elektrigitaj, la bonan karbon oni eksportas), entute certa anarkio en la ĝenerala evoluo fervoja.
Oni uzas statistikon por batali kontraŭ malfruiĝoj.
Kolego Wittenberg (Zagreb): La teknika stato ĝis nun ne estas tiom alta, kiom en la okcidentaj landoj. Oni povas esperi, ke en dek jaroj ĉio estos pli bona. La fervojistoj klopodas havigi al si propran fakan administracion, do esti gvidataj nur de fervojistoj.
Kolego Walder (Svisio) babilas bonhumore pri sia vojaĝo al Zagreb. Li rekomendas al la jugoslavaj kolegoj lerni nian lingvon, labori en IFEF-rondo kaj uzi la okazon, kontatiĝi kun eksterlandanoj.
Kolego Giessner faras kelkajn ĝeneralajn rimarkigojn pri esperanto kaj petis, fondi fervojistan grupon en Zagreb kun la celo, disvastigi la lingvon en la tuta fervojista rondo jugoslava.
La sindikato deklaris: Ni sendos, se eble, delegitojn al Verona. La estro de la ĉefstacio, Insp. Mato, kiu ofte devas sin okupi pri turistaj trajnoj, bedaŭras la mankon de komuna lingvo.
La jugoslavaj intencas kunlabori kun la eksterlandaj kolegoj. Multaj malfacilaĵoj jam estas venkitaj, la trajnoj jam havas pli grandan rapidecon, sed ili estas plirapidigendaj laŭ la eŭropaj postuloj.
Fine la jugoslavoj demandis pri infanaldonoj kaj pri la samrajtigeco de la inoj en la okcidentaj landoj. Pro manko de tempo ne respondo. Kolego Giessner proponas, ke oni organizu skriban sperto-interŝanĝon. En ĉiu lando estu nomata peranto, kiu kolektu detalojn pri ĉiuj demandoj.
Kolego De Jong (Nederl) finfine dankas pro la gastigemo de la jugoslavaj kolegoj kaj sindikato. Li ĝojas, ke la lokaj estroj de fervojo kaj sindikato bonvolis aktive partopreni en ĉi tiu kunveno.
Li atentigas, ke IFEF per pacaj rimedoj aspiras al pacaj celoj, kaj esperas, ke la ĉeestantaj superuloj stimulos la instruadon de esperanto al jugoslavaj fervojistoj, por ke ankaŭ ili amase eniru niajn vivojn.

Jam dum la oficiala parto de tiu ĉi kunveno, sed precipe post ĝi, oni bonhumore kunsidis en rondo vere internacia. La sindikatoj afablege regalis la partoprenintojn de la kunsido.
La majstra interpretado fare de k-do Franjo Vokoun multe kontribuis al la amikeca sfero.

raportis Giessner

# Gressillon

Kiel partopreninto al la *Esperanto-Kultura Semajno* en Gressillon nia ano Josef Weidacker en Munkeno detale raportas al ni pri siaj travivaĵoj kaj impresoj. Ĉar la kuraĝa entrepreno de la francaj instruistoj havas nian simpation kaj admiron, ni volonte presigas en Bulteno la plej gravajn fragmentojn el lia raporto.
Post multaj laŭdaj vortoj al la parizaj gefervojistoj, kiuj tiom kore lin akceptis kaj gvidis em la Urbo de la Lumo, nia amiko daŭrigas:

La postan tagon mi vojaĝis al Gressillon kaj atingis ĝin post kelkaj malhelpaĵoj je la 4-a posttagmeze. Mi estis tre surprizita pro la bela kaj idilia situo de la kastelo. Apud la ĉefstrato staras du grandaj blankaj tabuloj, kiuj en franca kaj esperanta lingvoj atentigas la preterveturantojn pri la ekzisto de la Esperanta Kulturdomo meze en granda parko.
Pri la domo mem mi nur povas diri al niaj francaj amikoj: *Estu fieraj ke vi posedas tian juvelon, ĉar juvelo ĝi vere estas.
La du manĝoĉambrojn jam estas perfekte kaj komplete instalitaj. Ili kontentigas eĉ altajn postulojn. Krom tiuj ekzistas granda salono, en kiu okazis la gajaj societaj vesperoj, la prezentado de la lumbildoj kaj filmoj. La dormĉambroj jam estas ekipitaj per fluanta akvo kaj bonaj litoj. Ekzistas ankaŭ ĉambro por legi kaj skribi. Gi estas destinita kiel biblioteko, kvankam mankas ĝis nun aro da libroj. Donacoj estos danke akceptataj. Koncerne la manĝaĵon mi povis konstati, ke la kuirejo jam bone funkcias. Ĝi estas modele gvidata de la domestrino s-ino Micard. Granda legomĝardeno kaj fruktarboj apartenanta al la domo riĉigas la manĝotablon. Preskaŭ ĉiutage aperas io el la propra rikolto sur la tablo. S-ro Micard estras la tuton modele



La akcepto estis ege kora, kaj ekde la unua minuto regis atmosfero tiel afabla kaj amika kiel en vera familio.
Vespere je la 6-a okazis la malferma kunsido sub prezido de s-ro Odent en bele ornamita ĉambro. Li salutis kaj bonvenigis la ĉeestantojn per glaso da bona vino *Anjou*, kaj petis ilin sub lia gvido mem fiksi la programon. La unua propono estis ke oni uzu nur la lingvon Esperanto, ankaŭ inter samnacianoj. Ĉiuj severe agis laŭ tiu propono. La tagoj estis plenaj de aranĝoj. Antaŭtagmeze jam estis du kunsidoj, unu por prepari la venonttagan programon, kaj la dua por iu prelego.
Poste sekvis komuna kantado, lernado de kantoj, belaj popolkantoj esperantigitaj, sub lerta gvidado de angla muzikstudento. La posttagmezo estis dediĉita al ekskurzo. Je la kvina posttagmeze libervolaj konversaciaj rondoj diskutis lingvajn problemojn. Je la sesa paroladoj pri iu ajn temo kun sekvantaj debatoj, kaj je la naŭa distriĝo per prezentado de lumbildoj, filmoj pri Bavario ktp.
La lastan dimancon, la 9-an de aŭgusto okazis en la apuda urbo Baŭge popolfesto kun demonstracio de bele ornamitaj bicikloj. Nia domo partoprenis per tri bicikloj, bele ornamitaj per verdaj kaj blankaj rozetoj kaj esperantaj flagetoj. En la posta konkurso niaj bicikloj ricevis la unuajn tri premiojn. La afero estis valora ebleco por

propagandi nian lingvon. Ĉiu lando kontribuis ion al la sukcesigo de tiu semajno. La tagoj forflugis preskaŭ nerimarkite. Nia lingvo Esperanto estis parolata tiom nature, tiom bone, kvazaŭ ĝi estus nia ĝepatra.
Neniu sentis sin fremda en ĝi. Ĝi fluis tiom facile, kvazaŭ vivanta.
Interligis ne nur la spiritojn, sed ankaŭ la animojn en ege bona harmonio. Mi travivis tie neforgeseblajn tagojn, kaj nur povas rekomendi al la aliaj samideanoj: *Venu iam al la *Esperanta Domo* Gressillon; vi travivos belan ferion en malgranda, intima rondo, kaj helpos vivteni tiun juvelon. Nur per la helpo de la esperantistoj ĝi povas vivi. Precipe ni fervojistoj pli facile povas ebligi ian vojaĝon. Tial venu ĉiaŭtune aŭ venontjare al *Esperanta Kulturdomo* Gressillon en Francio.

Josef Weidacker

---

## GERMANIO.

Ĉu vi jam esprimis vian ĝojon pro la esperantlingvaj klarigoj en la Germana horaro? Se ne, faru tion senprokraste. Ĉiu laboro de niaj aktivuloj ja estas vana, se vi ne subtenas ĝin.
Poŝtkarto sufiĉas. Skribu al:
EISENBAHN GENERALBETRIEBSLEITUNG WEST BIELEFELD GERMANIO.

## BEFA NOVAĴO.

Kiel ĉiujare la Brusela Fervoja Grupo organizos je la 10-a de oktobro en *Nouvelles galeries Louise, Nieuwe galerij Louisa* sian jaran feston. Ĉiuj fervojaj sociaj kulturaj organizoj estas invitataj al kunlaborado. Ankaŭ BEFA partoprenos en tiu multnombre vizitata varia vespero.
La ĉefkomitato de la Sociaj Fervojaj Organizoj, informita pri la bona organizo de la 1-a jarfesto de BEFA, proponis al BEFA la jenan kunlabormanieron:

a) mallongan intervjuon pri la celo kaj aktiveco de BEFA
b) mallongan konversacion inter esperantistoj kun traduko en la naciaj lingvoj
c) organizon de Esperanto-stando
d) finon de la Esp-parto per Esp-kanto

Ĉar tiu vespero estos tre valorplena el propaganda vidpunkto por Esperanto ĝenerale, ni petas la kunlaboradon de ĉiuj eksterlandaj esperantistoj, nome per la sendado al la BEFA-Administra Servo de salutoj, prefere sur Fervojaj bildkartoj (tio por ekspoziciado) al la fervojista festo.

Por la BEFA-Administa Servo
De Bruyne L., rue de la station 42
Quenast.

## AŬSTRIO.

En Vieno nia fervora amiko Kovacic aranĝis tuj post sia reveno el Utrecht leterkurson kun 83 partoprenantoj.
Tiu ĉi kurso komenciĝis la 10-an de julio. Brila sukceso!

# RAPORTO PRI LA LABORKUNSIDOJ

**Laborkunsido de la 7a de Majo matene je la 10a.**

En la multnombre vizitita unua kunsido de la Kvina IFEF-kongreso la prezidanto de la Landa Kongres-Komitato, J.J. Labordus, alparolas la kongreson per kelkaj bonvenigaj vortoj. Antaŭ ol transdoni la gvidadon al la prezidanto de IFEF, li nome de la fratina entrepreno de la Nederlandaj Fervojoj *van Gend en Loos* donacas al ĉiu delegito belegan cigaredujon.

La prezidanto de IFEF, W.Ŝtapel, bonvenigas kaj salutas la delegitojn kaj ĉeestantajn kongresanojn al nia unua jubilea kongreso tutkore. Li konstatas, ke la situacio en nia organizo estas sufiĉe kontentiga kvankam la situacio en la mondo ne estas bona aŭ favora al ni. Kiam ni rigardas la laboron de la pioniroj de Esperanto, kiuj ĉiam senlace laboradis, tiam ni rajtas esti kontentaj, sed necesas, ke ni restu vigle laborantaj por atingi la plej bonan rezultaton per nia propagando. Ĉiu semo povas doni rezultaton, kaj ni restu do sur nia posteno. Ni jam povas konstati la rezultaton de nia movado, la enfluo jam grave pligrandiĝis. Ni nur komparu la nombrin da oficialaj reprezentintoj en nia unua kongreso en Aarhus kun tiu de hieraŭvespere kaj ni povas konstati tutklare, ke nia influo ĉe la fervojaj administracioj kaj aliaj gravaj instancoj diverslandaj multe pligrandiĝis. La fervojistaj Sindikatoj atentas nin, sekve ni faras gravajn progresojn sur ĉia tereno.

La financa bazo de nia Federacio estas sana sed dezirinde estas, ke ni ricevu pli da mono por ke ni povu eldoni pli bonan Bultenon, kiu estu konforma al la ĝeneralaj deziroj de niaj membroj. Tiurilate li tutkore la Norvegan Asocion dankas pro la donaco de kvindek guldenoj al IFEF por tiu celo, la Svedon Asocion, kiu en la lasta jarkunveno decidis pagi la duoblan kotizon, la Germanan Asocion, kiu pagas duonan kotizon pli kaj la multajn individuajn subtenantojn inter la IFEF-anaro. La prezidanto certigas al ili, ke ni eldonu regule belaspektan Bultenon se ni havos por tio monon; faru vian eblon.

Bedaŭrinde la eldono de glumarkoj donis ĝis nun malprofiton sed ĉiu helpu en la vendado por ke ni povu labori per la mono, kiu nun kuŝas senprofite en la ŝranko. La landaj Asocioj esploru eventualan helpon por vendi ilin. Ankaŭ en la pasinta jaro la morto ne indulgis nian Organizon. Mortis en Britio la prezidanto Dukes kaj nia kolego Naes pro akcidento. En Nederlando nia amiko Kolk en Germanio nia kolego Kreis kaj en Aŭstrio nia kolego Comina.

La ĉeestantoj leviĝas de siaj seĝoj por starante kaj silente honori ilin dum kelkaj minutoj..... Ke ili ripozu en paco.

La prezidanto instigas ĉiujn senlace daŭrigi la laboron por nia idealo esprimante la deziron, ke la diskutado okazu en la plej harmonia kaj amikeca sfero. Laŭ peto li unue donas la parolon al kolego Giessner (Germanio).

Kiel pruvo, ke nia antaŭa kongreso en Lindaŭ altiris la atenton de la Germana fervoja administracio, ĝi decidis enpresigi en la horaro de la germanaj fervojoj la klarigojn ankaŭ en Esperanto. Tio estas unika kaj granda honoro por ni kaj mi esperas, ke aliaj landoj sekvu la ekzemplon. Giessner transdonas kiel memoraĵon al la IFEF-estraro la unuan ekzempleron. Longdaŭra aplaŭdado estis la respondo de la tuta kongreso al tiu altvalora donaco.

La prezidanto tutkore dankas la fervoran germanan organizon. Eble ni ne plu vidos la finrezultaton sed estas certe, ke Esperanto triumfos en la mondo.

**Punkto 2 de la tagardo:**

Alvenis tiom da salutleteroj kaj telegramoj, ke ne estis eble voĉlegi ĉiujn. Escepton faris la sekretario por tri leteroj el Ĉeĥoslovakio kaj la tre forta aplaŭdado pruvis, ke la kongreso kun granda ĝojo akceptis la salutojn de niaj gekolegoj el la oriento. Unu el tiuj leteroj havis 22 subskribojn. Venis salutleteroj de nia Aŭstraliaj IFEF-anoj, el Japanio, Radio Roma, kiu samtempe menciis, ke oni recenzos la enhavon de nia jubilea numero pere de la Radio, la honorprezidanto de la Nederlanda Laborista Asocio, Faulhaber, Hans Bipp, la prezidanto de la Svisa Asocio de IFEF, la Franca Fervoja administracio, Aŭstra Esperantista Federacio, Germana Esperant,-Asocio, Svisa Fervoja administracio, krome multaj salutleteroj de fervojaj administracioj kaj fervojistaj sindikatoj diverslandaj kaj Esperanto-organizoj. Telegramon sendis la kolego Louhevirta el Finlando kaj Dr-o William Solzbacher, prezidanto de E.A.W.A. Esperanto-Asocio en Nord-Ameriko. Danke ĉiuj salutleteroj kaj telegramoj estas akceptitaj kaj ni ĝojas pri la vasta interesiĝo.

**Punkto 3 de la tagardo:**
*La protokolo pri la Lindaŭ-a Kongreso estis sen rimarkigoj unuanime aprobata.*

**Punkto 4 de la tagardo:** *La raportoj de la sekretario kaj kasisto.*
Labordus (Nederlando) esprimas siam admiron pri la ampleksa laboro de la sekretario. Li laŭdas kaj dankas la sekretarion pro la farita kaj ampleksa laboro. La tuta kongreso longdaŭre aplaŭdadas. Pri la raporto de la kasisto ne estas rimarkigoj. Ambaŭ raportoj estas unuanime aprobataj. La Prez. sciigas, ke la financa raporto validas ĝis la 1an de Januaro 1953 sed la eldono de la jubilea Bulteno postulis gravan sumon. Pro tio nun ne plu estas en la kaso la menciita sumo laŭ la raporto aperinta en la Marta numero.
La sekr. Lok dankas tutkore pro la honoro kaj laŭdoj. Miaj kunestraranoj tre verŝajne opiniis dezirinde aperigi mian foton en orumita kadro en nia jubilea Bulteno. Ankaŭ en nia sindikata organo la Redakcio en longa artikolo menciis pri nia kvinjara sukcesplena laboro kaj honoris min kiel la patron de nia IFEF-familio. Unuopulo ne povas fari tiom da laboroj en organizo sed bezonas la helpon de multaj nemenciitaj gekolegoj. La rezultaton atingitan en la unuaj kvin jaroj ni dankas al vi ĉiuj en la diversaj landoj. Miaj kunestraranoj estas memkompreneble miaj ĉiutagaj amikoj kaj la forton kaj entuziasmon mi ĉerpas el ilia amikeco kaj la agrabla kunlaborado. Per forta manpremo la sekr. Lok dankas siajn kunestratanojn esprimante la esperon, ke ili kune povu daŭrigi la laboron en la sama harmonia kunlaborado por la bono de IFEF.
La Prez. dankas la kongreson pro la fido en la estraro.

**Punkto 5 de la tagardo:**

*Raporto de la Terminara Komitato*. Kun bedaŭro la prez. sciigas ke S-ro Pape kiel la prezidanto de la Terminara Komitato pro akcidento ne povas ĉeesti ĉi tiun kongreson kaj esprimas nome de la kongreso la esperon, ke li baldaŭ resaniĝu. Pri la progresoj li sciigas kaj informas la kongreson, ke la unua parto pri la vagonkonstruado jam estas preta kaj stencilita. La parto pri lokomotivoj sekvos en la venontjara kongreso. Li laŭdas ĉiujn kunlaborantojn al tiu giganta verko, kiuj streĉe laboradas malantaŭ la kurtenoj por iam prezenti al ni nemankipovan fakvortaron. La kompilado postulas multege da tempo kaj laboro sed ĉie oni vigle laboradas eĉ en Japanio. S-ro Rosher publikigis en la dua parto de la jarlibro de UEA jam parton. La labormetodo

estu tia, ke en ĉiu lando estas centra persono, kiu kolektas la materialon. En unu el la sekvontaj Bultenoj ni publikigas la nomojn de la respondeculoj.
Bouwkamp (Nederlando) bedaŭras, ke li ne povis ĉeesti la kunvenon de la Terminara Komitato, pro kio la situacio nun estas al li ne tute klara. En Lindaŭ ni decidis preni la terminojn el la Franca Fervoja Terminaro por ke ni havu bazon por eldoni en 1953a la terminaron Esperanta-nacilingva sed kiuj landoj prizorgis tion? Ĝis nun li ricevis multe da materialo kaj prizorgis la tradukon sed ŝajnas, ke la tuta laboro ankoraŭ ne estas preta.
Blondeaux (Francio) kiel kunlaboranto en la Terminara Komitato bedaŭras, ke Bouwkamp ne ĉeestis en la kunveno de la Terminara Komitato. Kiam ni legas paĝon 10an de Bulteno montriĝas, ke Pape parolis pri 2000 vortoj sed ni decidis eldoni terminaron enhavanta 5000 vortojn. La laboro do estas pli ampleksa kaj postulas pli da tempo. La tradukadon de la terminoj el la Franca teknika terminaro nur povas prizorgi tri landojn, nome Germanio, Anglio kaj Francio. S-ro Rosher publikigis en la UEA-jarlibro parton de la Terminaro en Esperanto. Do nun la laboro por la landaj kunlaborantoj estas traduki tion en naciajn lingvojn. Poste ili ricevos la tutan materialon por la terminaro.
La prez. ankoraŭfoje aldonas, ke la parto por la vagonkonstruado jam estas preta en formo de stencilita manuskripto.
Walder (Svisio) kiel ĉefdelegito de UEA atentigas, ke la UEA-jarlibro ne estas aĉetebla. Tamen poste UEA kutime vendas la apartajn terminarojn. Tuj kiam la fervoja terminaro el la UEA-jarlibro estos vendata li povos prizorgi la materialon kaj sendi al ĉiu petonto, ĝi estas malmultekosta.
La prez: ĉu la kongreso estas kontenta, ke ni agu tiel? La kongreso akceptas. Antaŭ ol transiri al la sekvonta punkto la sekr. voĉlegas leteron de itala kolego, kiu sendas 500 lirojn por la Bulteno. La estraro danke akceptas.

**Punkto 6a** *La Nova Regularo*.

La ĉefestrarano Hoen enkondukas ĉi tiun punkton de la tagordo kiel la kompilinto de la regularo. Kiam ni fondis la Federacion ni nur bezonis malgrandan ne ampleksan regularon, sed ni kreskis tiom, ke ni nun bezonas novajn vestojn. Pro tio ni nun priparolu la novan regularon, kiu ne estu tro severa. Komence ni intencis prezenti tri regularojn sed unu regularo kun detale fiksitaj reguloj kaj kun aprobo de la nuna kongreso tutcerte provizore sufiĉas.
Thorsted (Danio) diras, ke en Danio oni ĝojas, ke ni havos novan regularon ĉar tio montriĝis necesa. En Danio oni pro tio ankaŭ ŝanĝis la landan regularon konforma al tiu de IFEF sed tre bedaŭrinde, ke ti, kaŭzis al DEFA tre gravan perdon pro la ekŝigo de la sekretario. Estas domage, ke tiommalnova, oferema kaj sindomema kolego forlasis la estraron ĉar nur temis pri unu vorto en la ŝanĝita regularo de DEFA. (Ankaŭ la kongreso bedaŭras tion). Pri la regularo estiĝis vigla debatado, al kiu ĉiuj delegitoj partoprenis. Montriĝis, ke ĉie en la landaj oni ĝin funde pristudis kaj ĉiu delegito havis la fortan volon por igi la regularon kiom eble plej klara kaj taŭga por ke ne estu necese eldoni ĉiujare novan regularon. Punkto post punkto estis detale priparolata kaj poste la plej bona regulo elektata. Amikeca kaj ofte brila estis la debatado per kio oni faris konstruan laboron. Baldaŭ ĉiu ano ricevos la novan regularon, kiu entute de la kongreso estas akceptita.
S-ro Mollion, prezidanto de la Franca Unuiĝo Arta kaj Intelekta intertempe alvenis kaj la IFEF-prezidanto interrompas la kunsidon por bonvenigi la al nia movado tre simpatian figuron. S-ro Mollion petis la parolon por gratuli la kongreson okaze de la

kvinjara jubileo. Forte subtenante nian movadon en la pasintaj jaroj li promesas uzi la restadon en Utreĥto por pripároli nian aferon kun la nederlanda instanco, kiun li renkontos. Kun granda interesiĝo mi sekvas vian sukcesplenan laboron en kio mi vidas gravan rimedon por atingi pacan Eŭropon.
S-ro Rummel parolas poste nome de la Sociala Organizo de la Germanaj fervojoj. Li vidas en nia movado la fortan volon por atingi pli bonan mondon kaj estas konvinkita, ke niaj infanoj certe rikoltos la fruktojn de nia laboro. Li promesas fari ĉion eblan por ke la propagando en Germanio inter la fervojistoj disvastiĝu kaj ili rimarku, ke nia movado estas la rimedo por atingi pli bonan mondon.
La prez. Stapel dankas ambaŭ parolinto pro la esperigaj promesoj. La regularo pri la lokaj delegitoj, prezentita de DEFA, estas neŝanĝite aprobita. La membroj, kiuj uzos iliajn servojn, bone atentu tion.

**Punkto 7**, pritraktado de la proponoj:

1a. Kontrakto kun UEA kaj SAT.
La sekr. Lok jam antaŭe turnis sin nome de IFEF al ambaŭ koncernaj organizoj kun peto pri informoj rilate al kunlaboro laŭ tiu ĉi propono. Li voĉlegas la leterojn de UEA kaj SAT. Montriĝas el la letero de UEA, ke estos eble fari kontrakton kun UEA kiel faka organizo, kiu tute ne endanĝerigos la memstarecon de IFEF. En eventuala kontrakto ne temos pri aliĝo al UEA sed pri kunlaboro kun UEA kiel faka organizo, pro kio interalie ĉiujare aperos en la UEA-jarlibro unupaĝa artikolo pri IFEF. Kun SAT tio ne estos ebla, kiu principe apogas sin sur individua membreco, kvankam SAT estas preta se iam montriĝas neceso pri kunlaboro al difinita celo, tre atente ekzameni la demandon. Ni do respektu la statutojn de ambaŭ organizoj. Laŭ 5 de la statuto de SAT eblos al IFEF subteni ĝin kiel subtenanta organizo kaj tiel ni povus solvi la problemon, kiu solvo certe kontentigos ĉiujn niajn membrojn.
F-ino Lemonnier (Francio), kiu jam antaŭe atentigis la ĉefestraron pri la eblo subteni SAT-on laŭ ĝia statuto, diras, ke IFEF povas esti subtenanta organizo de SAT. (De Jong, ĉefestrarano, certigas, ke tio eblas.) F-ino Lemonnier daŭrigante, proponas akcepti la proponon kiel faka organizo havi kontrakton kun UEA, kondiĉe, ke ni faru la samon kun SAT kiel subtenanta organizo.
Labordus (Nederlando) opinias, ke la akcepto dependos parte de la kasisto, kiu devos pagi la kotizojn. La kasisto ne estas kontraŭ eventuala akcepto.
Becker (Nederlando) diras, ke la kontrakto estu tia, ke ni restu memstara.
Prez: La kontrakto nur fariĝu tia, ke ni en Esp-aferoj kunlaboros. La sekr. Lok vidas en la kunlaboro kun ambaŭ organizoj gravan propagandan valoron. La deziro pri tia kunlaboro en la pasintaj kongresoj jam ofte estas esprimita sed la timo perdi nian memstarecon ĉiam prokrastigis la decidon. Aliflanke ne iom hezitis pro unuflanka kontrakto ĉar en nia organizo estas birdoj diversplumaj. Legante la antaŭajn kongresraportojn oni povas konstati, ke la ĉefestraro ĉiam lasis al la kongreso la decidon pri la kunlaboro sed mem principe deziris konservi la staton, kia ĝi estis. Nun la memstareco de IFEF povas esti garantiata kaj la IFEF-estraro ne estas kontraŭ eventuala akcepto. La Prez: Ni povas akcepti la proponon, ĉar ni restos tia, kia ni nun estas.
Thorsted (Danio) preferas prokrasti la decidon ĝis la sekvonta kongreso. Okazas voĉdono kaj la propono estas akceptita kondiĉe, ke ni pagu al SAT tiom da mono kiom al UEA.
Walder nome de UEA esprimas la ĝojon pro la akcepto. Li certigas, ke ni per tiu ĉi kontrakto povos havi komunikojn en la organo de UEA *Esperanto*, pri IFEF kaj en Sennaciulo de SAT.

Propono 2a: IFEF klopodu eldoni kiel eble plej baldaŭ pli bonan kaj pli ampleksan organon.* Labordus (Nederlando) subtenas la proponon. La estraro esploru la eblon enpresigi en Bulteno la novaĵojn, kiuj nun aperas en la landaj gazetoj. La landaj organizoj pagu por la enpresigo kaj tiel nia Bulteno povas esti pli bela kaj pli riĉenhava pro la informoj diverslandaj.
Thorsted (Danio) povas subteni la proponon sed vidas en tio la danĝeron, ke la anoj pri la landaj novaĵoj tro malfrue estos informataj.
F-ino Lemonnier (Francio): La proponon ni povas akcepti sed likvidi la landajn gazetojn ne eblas. Ŝi proponas unufoje jare eldoni belaspektan Bultenon kaj serĉi la rimedojn regule eldonadi tian Bultenon kun varia enhavo.
La sekr. Lok opinias, ke la amplekso kaj enhavo de nia organo perfektiĝos laŭ la evoluado de nia organizo. Post la fondiĝo ni eldonis stencilitan organon, kiun nur ricevis la estraranoj kaj la izolaj membroj. Ni tamen grave progresis kaj nun eldonas la Bultenon en la nuna formo al ĉiuj anoj en la mondo. Ni ĉiuj deziras havi belaspektan organon sed ni nur povas eldoni ĝin laŭ la financa stato de la kaso. Ni ne eldonu unue belaspektan organon kaj poste kontrolu ĉu la kaso tion permesas, sed ni unue zorgu, ke nia kaso estu en bona stato por eldoni pli ampleksan gazeton. La malalta kotizo tion ne ebligas sed li proponas, ke oni klopodu havigi al IFEF subvencion flanke de la fervojaj administracioj kaj fervojistaj sindikatoj. Ni eluzu la ĉeeston de la multaj oficialaj reprezentantoj de tiuj instancoj en nia kongreso kaj certe oni sekcesos konvinki ilin, ke nia movado meritas subvencion same kiel multaj aliaj organizoj de la fervojistoj.
Giessner (Germanio) volonte subtenas la proponon de la sekr. kaj promesas klopodi akiri subvencion. Eble la Germana Sociala Organizo pretas helpi en tiu direkto. Ankaŭ DEFA estas preta fari klopodojn.
Bürgler (Aŭstrio) subtenas la francan proponon sed avertas ke ni agu laŭpove.
La Red. de Jong, klarigas, ke ne estas eble forigi la landajn gazetojn. Li subtenas la proponon de F-ino Lemonnier. Ni agu laŭ la kaso. La jubilea Bulteno estas bona kaj belaspekta. Li ricevis laŭdon de ĉiuj kaj estas pro tio jam tre kontenta. La Franca propono estas poste akceptita.
Propono 3a *IFEF eldonu specialan insignon.* Ruhanainen (Finlando) klarigas la deziron kaj mencias, ke la Linlanda Rondo forte deziras havi specialan insignon por tuj scii, ke oni renkontas IFEF-anon.
F-ino Lemonnier (Francio) demandas: *ĉu estas necese havi propran insignon?* *Ni pli bone povas uzi la monon por la Bulteno provizore.
Giessner (Germanio) proponas prokrasti la proponon ĝis la sekvonta kongreso.
La Prez. komprenas tre bone la deziron de Finlando kaj promesas, ke ni ne forgesos la deziron. Li tutkore dankas la diversajn desegnantojn el Finlando, Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio, kiuj sendis tiom belajn projektojn. Tio montras, ke ni havas en nia rondo verajn artistojn, la projektojn ni bone konservos en nia arĥivo, por ke ni tuj povu uzi ilin en okazo de dezirindeco.
La kongreso decidas prokrasti la proponon ĝis la sekvonta kongreso.
Nova propono de la Franca Organizo: *Doni pli da tempo en niaj kongresoj al temoj, kiuj rilatas la fervojojn.* La IFEF-kongresoj ĝis nun pritraktis ĉefe organizajn aferojn kaj akiris pro tio jam konkretan formon. Estas tamen nun dezirinde, ke niaj kongresoj ankaŭ havu praktikan utilon kaj pro tio la kongreso sugestas la jenon: *Ĉiu delegito havu raporton pri fiksita temo rilate al la situacio en sia lando. Ni nun elektu la temon por la sekvonta kongreso.* Giessner (Germanio) subtenas la proponon de Francio.
Bürgler (Aŭstrio) ankaŭ subtenas ĝin kaj proponas elekti kiel temon *La instruado kaj instrumaniero en la diversaj landoj de la junaj fervojistoj.*
Zacconi (Italio) kaj Thorsted (Danio) subtenas la proponon.
Walder (Svisio) opinias, ke la propono donas al nia organizo grandan kulturan valoron.

Ĉiu delegito faru raporton pri la situacio en sia lando kaj poste ni povos transdoni la materialon al gazetoj.
Kovacic (Aŭstrio) voĉlegas proponon pri Esperanta Servo, nome, disdonado de sindikataj komunikoj. Li proponas, ke la temo estu *Fervojaj Fakĺernejoj*.
De Jong (Red): *La landaj rondoj elektu specialiston por fari la raporton.*
Bürgler (Aŭstrio): *La temo estu pri la tuta instruado ĉe la fervojoj.*
Blondeaux (Francio): *Ĉiu faru longan raporton ampleksan kaj krome koncizan.*
La konciza estu por raporti en la kongreso dum proksimume 15 minutoj. La ampleksa raporto estu multobligata por ke ĉiu delegito kaj ĉefestrarano ricevu la raporton. Tridek ekzempleroj estas pro tio nepre bezonataj. Akceptite.
Punkto 8a *Estrarelekto*, okazes laŭ la nova regularo, sekve skribe. La tuta estraro estas reelektata. La Prez. dankas la kongreson pro la fido.
Punkto 9a *Elekto de konfliktkomitato*: Bouwkamp (Nederlando), Hartjen (Germanio) kaj Thorsted (Danio) akceptas la kandidatecon kaj estas elektataj de la kongreso.
Punkto 10a *Elekto de kaskontrolkomitatano* Kolego Verhorst elektiĝis.
Punkto 11a *Elekto de la kongresloko en 1954a kaj la provizora en 1955a.*
Kolego Corso el Italio invitas la 6an IFEF-kongreson al VERONA. Ili ne precize povas fiksi la daton, eble ĝi aperu en la Novembra Bulteno. La kongreso akceptas la afablan inviton kun longdaŭra kaj forta aplaŭdado.
Thorsted (Danio) deziras, ke la dato estu antaŭ la apero de la nova horaro fervoja por eviti malfacilaĵojn. La Prez. Tion ni lasu al la LKK en Italio, ili ja scias la dezirojn.
Sonderegger (Svisio) sciigas, ke la Svisa organizo intencas inviti en 1955a la 7an IFEF-kongreson al Svisio, eble en Zurich aŭ Bern. Forta aplaŭdado.
Punkto 12a *Libera diskutado; Bürgler (Austrio) vidis en Aarhus, Salzburg kaj Parizo diversajn naciajn kostumojn, tio altiras la atenton kaj estas el propaganda vidpunkto rekomendinda. Li esperas, ke oni denove enkonduku tion.
F-ino Lemonnier (Francio) atentigas pri la ekzisto de feria domo en Francio kaj rekomendas viziti ĝin. La feria domo situas en belega regiono.
Thorsted (Danio) esprimas sian ĝojon pri la laboro en tiu ĉi kongreso farita kaj dankas nome de la kongresanoj la helppretajn Utreĥtanojn. Klare estas konstateble, ke IFEF iom post iom kreskis el la vindotukoj. Li laŭdas la precizajn aranĝojn kaj dankas tutkore la LKK-on kaj ĉefestraron, kiuj al ni agrabligis la kongreson.
Schaafsma (Nederlando) kiel kaskontrolinto laŭdas la estraron pro la laboro tiom akurate farita.
Germana kolego dezirus en la kongreso ankaŭ prelegojn por neesperantistoj.
Giesler (Germanio) opinias tion neebla, ekzistas multaj kialoj kontraŭ tio.
La Prez. de IFEF komencante la finparoladon unue nome de la tuta kongreso dankas tutkore la LKK-on pro la multe da laboro farita, el kio rezultiĝis la certe bonege sukcesinta kongreso. Nome de la ĉefestraro li dankas pro la fido, kio montriĝis el la novelekto. Jes, karaj sambatalantoj, la kongreso en Utreĥto estas nova paŝo sur nia vojo. Periodo finiĝis sed nova periodo komenciĝas. Restas al ni multe da laboro antaŭ ol la celo estos atingita. Sed ĉiu paŝo antaŭen estas grava kaj ni esperu, ke nia kongreso estu tia.
Baldaŭ reveninte hejmen vi pripensu la kongreson, ĝi estu por ĉiuj instigo daŭrigi la laboron. Tre valora estas ĉies laboro por la realigo de nia idealo. Restu sur via posteno kaj faru eblon. Mi esperas revidi vin ĉiujn en VERONA kun la sama entuziasmo kaj laboremo. Ĝis en Italio!
Mi deklaras la Kvinan IFEF-kongreson fermita!
Starante la kongresanaro kantas la himnon.

Protokolis. E. Dryfhout.

# La Havena Ponto de Sydney Aŭstralio

La sydney Havena Ponto estas el la plej grandaj arkaj pontoj en la mondo. La tuta pezo de la ponta estas 50.000 tunoj. Ĝi havas longon de 1650 futoj, kun alto de 350 futoj, kaj la plej alta pinto super la akvonivelo estas 440 futoj. La plej grandaj ŝipoj povas pasi sub la granda konstruaĵo.
La ponto havas 4 fervojajn liniojn, 2 tramajn liniojn, 2 stratvojojn 57 ft, piedvojon 10 ft larĝa. 128 elektraj trajnoj povas transiri hore, kaj samtempe ankaŭ 6000 veturiloj kaj multaj tramoj.
La ponton konstruis la Angla firmo Dorman Long, sed unu de la originalaj desegnistoj estis la enĝeniero Bradfield el Aŭstralio.
Kompreneble multo de la materialo kaj ŝtalaĵo venis el aŭstraliaj laborejoj. La 19-an de marto 1932 la ponton malfermis ŝtata ĉefministro, sed ĵus antaŭ la tranĉado de la rubando, unu el la ĉeestantoj, en la uniformo kaj vestaĵo de milita oficiro, tranĉis la rubandon. Verŝajne li estis kontraŭulo de la ministro.
El multaj partoj de la urbego oni povas vidi la supraĵon de la ponto, kaj el la supro de la pilonoj estas bela vidaĵo al la ĉirkaŭantaj konstruaĵoj kaj la havenoj, kie grandaj ŝipoj alvenas aŭ forveturas kun siaj diversaj komercaĵoj.
La kosto estis £ 10.000.000, sed simila sumo estis elspezita por la alirejoj, fervojaj stacioj kaj aliaj konstruaĵoj.
Multe da mono postulis ankaŭ la konstruo de la subteraj fervojaj stacioj, kiuj estas ĉe la urba flanko de la ponto.
La plej granda el ĉi tiuj stacioj estas Wynyard, kie estas du peronoj supre kaj du malsupre, butikoj en la enirejoj kaj granda fervoja konstruaĵo super la subtena stacio. Granda nombro da pasaĝeroj estas alvenanta kaj forironta ĉiutage el ĉi tiu fervojejo. Kelkaj laboristoj pereis dum ĝia konstruado; kelkaj aliaj sinmortigis, saltante el la supraĵo de la ponto en la havenon. Nur unu el tiuj ĉi sinmortigantoj postvivis la salton en la profundaĵon.

Rees Perry, Novkastelo

## GEEDZIĜO.

La 15-an de aŭgusto nia kolego Gino Corso edziniĝis kun f-ino Bruna Negri. Al la juna geedzoparo ni sendas niajn plej sincerajn gratulojn, esperante, ke ambaŭ partoprenos en la laboroj por nia idealo.
Ke la vivovojo por la juna paro estu suna kaj prospera, esperas tutkore

la IFEF-estraro.

# El la Gazetaro

En *S.J.Nytt*, ĵurnalo ilustrata por la Sveda fervoja personaro, No. 3 de Junio 1953, aperis artikolo sub okulfrapa verdkolora titolo.
La artikolo estas informcela pri la nacia kaj internacia fervojista esperantista movado kaj skizas koncize la rezultaton de nia 5a kongreso en Utrecht. Krom tio la verkinto Hj, Olsson atentigas aparte pri IFEF kaj ĝia Bulteno la legantojn rekomendante sekvi perkorespondan kurson. Unuvorte, bonega propaganda artikolo en multlegata ĵurnalo.

La konkurenco inter niaj verkemaj gekolegoj konstante pligrandiĝas. En *Arts Cheminots*, la oficiala organo de Unuiĝo Arta kaj Intelekta de la Francaj fervojoj, aperis

tutpaĝa artikolo kun du fotoj pri nia jubilea kongreso en Utrecht. La granda sukceso ni tutcerte dankas al la granda simpatio por nia movado de ĝia inter la IFEF-anoj tre konata prezidanto, S-ro Mollion, pro kio ni estas tre dankaj.

En *De Band* No. 11 Junio 1953, organo por la personaro de van Gend en Loos, frata entrepreno de la nederlandaj fervojoj, aperis ankaŭ tutpaĝa artikolo pri la okazinta jubilea kongreso kun foto pri la alveno de la ŝipo ĉe la restoracio *De Brasem*. Varman gratulon al nia aktiva presidinto de la LKK, K.J.Labordus pro la sukceso.

En la organo de la Hispana Federacio Esperantista, Boletin No.6 Junio 1953, la legema koboldeto favore recenzas nian jubilean Bultenon kaj opinias, ke la bonega numero atestas pri la alta kapablo kaj pozitiva fervoro de la fervojistaj kamaradoj, kiuj trafe montras la irendan vojon. Ni kore dankas ĉiloke pro la laŭdoj niajn amikojn en la sudo.

Agrable altiris nian atenton du artikoloj en Revuo ESPERANTO Internacia Junio-Aŭgusto 1953, la organo de UEA. En la unua artikolo oni koncize raportas pri la 1a jarkunveno de BEFA en Bruselo, kie la prezidanto de la Reĝa Belga Ligo Esperantista akcentis la valoron de la uzado de Esperanto en la fakaj profesiaj Asocioj. Bonega sukceso por niaj belgaj kolegoj. La dua artikolo temas pri la 5a IFEF-kongreso. Al la Redakcio kaj la verkintoj nian sinceran dankon.

En la Julia numero de Sennaciulo, organo de SAT, aperis mallonga artikolo pri nia jubilea kongreso.
Pluraj sindikatoj organoj enpresigis artikolon pri nia 5a kongreso en Utrecht.
En *Rautatieläinen*, la finna sindikata gazeto aperis tre ampleksa raporto kun bildo pri la kongresurbo. *Der deutsche Eisenbahner*, la organo de la Germana sindikata ankaŭ dediĉis artikolon al nia kongreso en Utrecht.

En *Nieuw Spoor*, ilustrita ĵurnalo por la Nederlanda fervoja personaro, aperis en la Julio-aŭgusta numero mallonga artikolo pri la okazinta jubilea kongreso de IFEF en Utrecht.

Belaspektan afiŝon pri la 14a Hispana Kongreso de Esperanto en Bilbao ni ricevis. La IFEF-estraro komisiis al kolego Burgler el Geleen (Nederlando) buŝe saluti la Hispanan kongreson nome de nia organizo.

Krom la ĉiam akurate sendataj organoj de niaj sekcioj en Francio, Italio, Danio kaj Nederlando, ni ricevis la germanan Bultenon kun foto sur la antaŭpaĝo de la kongresanoj en Utrecht. Tre ĝojigis nin la ricevo de Bulteno No.3 en Britio, des pli ĉar S-ro A. Bent, 30 Knowsley Drive, Swinton, Manchester, redaktis ĝin. Tio signifas la aliĝon al la estraro en Britio de nova aktivulo post la morto de ĝia prezidanto Leo Dukes. Ni esperas, ke nia senlaca amiko Parry baldaŭ sukcesu kompletigi la estraron kaj tutkore dankas S-ron Bent pro la helpo al li.

En Anglio niaj kolegoj intencas kunveni en septembro por priparoli kelkajn aferojn. Ili esperas multe propagandi en tiu ĉi vintro.